

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Kongresa Numero Jaro 6 N-ro 4 (23) oktobro de 2007

NOVAĴO

**La projekto resumita per klara temo**

En Estrara Raporto de UEA en 2006 aperinta en n-ro 6 Esperanto la projekto "Ĝemelaj Urboj" esits unuafoje resumita per klara temo. Tio ne nur esprimas emfazon de la estraro al tiu ĉi laboro, sed ankaŭ montras sufiĉan konscion de vasta nombro da esperantistoj al la projekto kaj fruktdonan klopodadon de praktikantoj por realigi celon de la projekto.

**La Letero de la komisiito al urbestro de Jokohamo**

[En majo s-ino Syozi Keiko reagis al mia ideo poŝte sendi leteron al urboestro de Jokohamo kaj transsendis tion al s-ino Tahira Masako. Ŝi proponis, ke mi kontaktu s-ron Suzuki Keiichiro, prezidanto de Jokohama Esperanto-Rondo. Poste mi tuj kontaktis lin kaj plue menciis mian ideon. Ĉar s-ro Suzuki estis tro okupita en preparlaboro por la UK, ĝis la la 24-a de julio li trovis tempon fari respondon al mia retmesaĝo. Ĉar mi ne ricevis respondon el li dum pli ol monato, la 8-an de julio mi retsendis tiun leteron al urbestro pere de kontakta retadreso inquiries@city.yokohama.jp ĉe la ttt-ejo de la urbo Jokohamo http://www.city.yokohama.jp. Kaj plue sendis tiun leteron al li ricevinte respondon de s-ro Suzuki. Mi ne scias ĉu la urbestro ricevis aŭ legis tiun leteron. Por montri la laboron de la projekto serioza kaj sistema mi ĉi tie reaperigis ĝin.---la komisiito]

Estimata sinjoro NAKATA Hiroshi, urbestro de Jokohamo,

Antaŭ ĉio mi permesas al mi esprimi la koran saluton al vi. En la venonta monato la 92-a Universala Kongreso de Esperanto (UK) okazos en la bela urbo gvidata de vi. Kaj mi informiĝis, ke vi plezure akceptis preni la lokojn de la honora prezidanto kaj la alta protektanto de la 92-a UK. Sinceran gratulon al vi.

Ekde 2006 mi komencas skribi al la estro de la kongresurbo antaŭ malfermo de la UK por veki vastan atenton al la projekto "Ĝemelaj Urboj", unu el de la laboroj de UEA, kaj komprenigi la urbestron al ĝia graveco kaj signifo. La projekto "Ĝemelaj Urboj" starigita de UEA en 2002 gajnas komprenon, subtenon kaj partoprenon el amaso da esperantistoj, inkluzive la japanajn. Indas mencii, ke kelkaj urbestroj ankaŭ reagas al la projekto, ekzemple, la urbestro de la itala urbo Florenco, kongresejo de la 91-a UK, speciale akceptis la kongresanojn de ĝemelaj urboj, kaj ricevis de la urbestro de sia japana ĝemelurbo Kioto la oficialan leteron transdonitan de esperantistino. Tio grande akcelas ne nur aplikon de Esperanto, sed ankaŭ interŝanĝon inter ĝemelaj urboj.

Traleginte informojn pri Jokohamo mi scias, ke Jokohamo ne nur estas bela kaj moderna urbo, la haveno Jokohamo festos sian 150-an jariĝon en 2009, sed estas urbo kun bona eksterlanda rilato. Ĝi ĝemeliĝis kun 8 urboj : San Diego (Usono), Lyon (Francio), Mumbai (Indio), Odessa (Ukrainio), Vancouver (Kanado), Manila (Filipinoj), Shanghai (Ĉinio), Konstanco (Rumanio). Krome ĝi havas 5 ĝemelajn havenojn: Oakland (Usono), Vancouver (Kanado), Shanghai (Ĉinio), Hamburgo (Germanio). Tion mi prezentis en la reta bulteno "Informilo de Ĝemelaj Urboj". Tio

estos alia kontribuo al tiu ĉi kongreso kaj granda instigo al esperantistoj en ĝemelaj urboj se vi povas trovi tempon konsideri informi pri la Jokohama UK la urbestrojn de viaj ĝemelaj urboj, kaj inviti ilin kaj instigi tieajn esperantistojn al la kongreso.

Krome mi tre eble propra-orele aŭskultos vian paroladon en la malferma ceremonio de la UK-o, ĉar mi estas unu el 23 oficialaj invitotoj elektitaj de Japana Esperanto-Instituto. Samtempe mi varme bonvenigos vin ĉeesti la 4-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj okazonta dum tiu ĉi kongreso. Mi bondeziras al vi sanon kaj feliĉon, kaj al la urbo Jokohamo gvidata de vi pliprosperon. Plenan sukceson al la Jokohma Kongreso.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

**Per UK en Yokohamo mi konas Japanion**

Invitite de mia malnova amiko Egawa Haruhuni, kiu loĝas en Wagayama, la ĝemela gubernio kun nia Shandong-provinco, mi vizitis Japanion okaze de la 92-a UK en Jokohamo.

La vizito al Japanio estas la unua fojo por mi, kompreneble la vizito donas al mi multajn impresojn kaj rezultojn. La plej granda rezulto estas, ke pere de nia lingvo mi bone konas Japanion modernan kaj civilizacian.

Antaŭ la UK ni kvar esperantistoj el Shangdong-provinco vizitis la urbon Wagayama laŭ aranĝo de s-ro Egawa. Ni vizitis Wagayama Internacian Centron, Medicinan Universitaton en Wagayama kaj ĝian hospitalon, kaj vidindajn lokojn. La bela kaj pura urbo donis al ni bonan impreson. Mi rimarkis, ke ne multaj homoj estas sur strato, eĉ en supera magazeno kaj stacio-domo. La vorto de s-ro Egawa pri la urbo “Kvieta” estas tre taŭga. Post svarmado oni sopiras kvietecon, tiu urbo estas bona loko por loĝi taŭge kaj harmonie. En la centro ni vidis multjan artaĵojn el diversaj landoj, en la domego de la centro ni vidis la tuton de la urbo tra la pura vitro. La altaj domegoj ne estas multaj, sed la urbo estas tre orda kaj verda kampo de rizo estas bela ekster la urbo. Ni ankaŭ vizitis la hejmon de s-ro Egawa, kie situas ĉirkaŭ haltejo nomata Sesdek-valoj de la fervojo. La duetaĝa domo estas tre bela kaj pura kun malgranda korto, kie kreskas diversaj floroj. Mirinte pri la beleco de la domo kaj korto ni ĉiuj fotiĝis tie. En la domo la favora edzino de s-ro Egawa preparas por ni la bongustan manĝaĵon. S-ro Egawa kantis por ni japanan popolan kanton. Kvankam ni ne tute komprenas la enhavon de la kanto. Tamen danke al la stato de kantado de s-ro Egawa, ni jam eniras en la belan kaj bonan etoson de la kanto. Mi pensas, ke ĉiuj popolanoj sopiras bonan kaj feliĉan vivon kaj la kanto kiel poemo montras la bonan esperon kaj la belan senton. S-ro Egawa ĝoje montris al ni la antaŭan TV-programon pri vizito en nia provinco. En Wakayama la prezidanto de Verda Monteto s-ro Fukomoto regalis nin ĉiun en fama japanstila restoracio kun belega kaj delikata korto, mi unuafoje manĝis la krudan fiŝon kaj viandon. Kvankam la gusto estas pli bona, tamen doloras al mi la stomako eĉ post reveno de Japanio, fakte tiu manĝaĵo ne estas kutimata de ni.

Sub la gvido de s-ro Egawa ni vizitis kaj turismis en Kioto, la iama ĉefurbo de Japanio. Ni piede sen suoj iris sur la ligna planko de la palaco, estimo al prahomo aŭtomate venis al nia koro. Ilia diligenteco kaj saĝeco estas mirinda. Japanio bone protektas la stilon de antikva konstruaĵo. La planko de korto ne estas moderne malmola, en la palaco ne estas lampo, eĉ elektro. Mi pensas, ke originala stilo povas bone montri la valoron de la kulturaĵo. En Kioto ni ĝuis la plej bonan manĝaĵon de Japanio en la moderna alta domego de la trajno-stacio.

Veninte en Yokohamo jam estis vespero de la 3-a de aŭgusto. La bela kaj moderna urbo brakumas min kun vespero-ruĝo. Kun fermaj okuloj ni kisis je belecojn kaj purecon de la dua

granda urbo de Japanio. Ni loĝis respektive en du hoteloj la nomo de nia hetolo estas Tokyo-Yoko-In. Laŭ la montra signo sur la vojo oni ne povas facile trovi vian hotelon. Eĉ s-ro Lee Hongjin, korea esperantisto, mistrovis lian hotelon kaj mi gvidis lin al lia hotelo. En nia hotelo loĝis pli ol 150 japanaj esperantistoj kaj 21 blindaj esperantistoj. Ĉe la Informejo de la hotelo laborantino disdonis al mi informojn pri la hotelo kaj helpajn informojn en Esperanto. En la informo mi vidis materialon por helpi blindajn esperantistojn. La afabla frazo donis al mi  profundan signon, ke helpi blindulon nur estas eta afero. En Japanio ĉie estas aparatoj por kripluloj. En metroo-stacio, hotelo kaj magazeno paralizuloj povas libere promeni kun sid-veturilo. Ili povas partopreni en socia agado. La publika socio akceptas ilin. tiu hom-rajto estas bone protektata de la ŝtato. En UK mi vidis multajn paralizulojn kaj blindulojn, kiuj libere agis en deversaj programeroj. Pro tio kiel harmonia kaj moderne civilizacia lando Japanio akiras estimon de la mondo.

En dua tago trovinte min s-ro Isono Yosio diris al mi, ke s-ro Egawa Harukuni kuŝis en Hospitalo pro urĝa malsano, ni tuj vizitis lin, sed dua vizito en nokto ne estas sukcesa. En Wagayama s-ino Jin gvidis nin vizitis la hospitalon de la medicina universitato. Mi jam bone scias la bonan ordon de la hospitalo. Nia malsukcesa vizito en nokto estas certa. La hospitaloj estas ege silentaj kaj kvietaj. Japanio jam fariĝas lando de maljunuloj, maljunaj malsanuloj estas pli multaj. la kuracejoj apud la stratoj ankaŭ estas multaj en Japanio.

En Japanio mi vizitis kelkajn muzeojn. nome Edo-muzeon en Tokio kaj Tokian Ŝtatan Muzeon. Esperantistoj klarigis al ni pri Edo- muzeo. Tiu muzeo ne donis al mi pli da impreso. Tamen en Tokia Ŝtata Muzeo mi vidis, ke la Muzeo estas tre grandioza. En Ĉambro de Azio mi vidis, ke multaj antikvaĵoj venis de Ĉinio. Laŭ konigo de japana esperantistoj Japanaj ŝtataj trezoroj troviĝas pli ol 1000 specoj. En la muzeo ja estas 87 trezoroj inter kiuj 18 venis de Ĉinio. En la ĉambro mi vidis multajn antikvaĵojn el Ĉinio kiuj ne troviĝas en listo de ŝtata trezoro. Mi ne scias, kiamaniere la ĉinaj antikvaĵoj venis tien.

Japanio estas tre pura kaj orda lando. Mi demandis al franca esperantisto, kian impreson donas al li Japanio. Li jese diris, ke Japanio estas tre pura lando. Tamen laŭ mi krom pureco kaj ordeco Japanio estas delikata lando. En ĝardeno s-ro Egawa aĉetis por ni kvar persikojn. La kesto kun la persikoj estas tre delikata. Sur strato kaj antaŭ la vendejo aŭ restoracio ĉie estas delikataj floroj. Japana popolo estas delikata kaj diligenta. Kamparo kaj urbo estas puraj kaj delikataj, eĉ rapidaj manĝaĵoj ankaŭ estas delikataj.

En Yokohama Parko mi ankaŭ vidis kelkajn maljunulojn, kiuj senhelpe dormis sub la arbo. La vizito de Japanio por mi estas mallonga, ke mi ne povas bone koni la profundan problemon en la japana socio. Mi pensas, ke post la moderno kaj civilizacio eble estas aliaj sociaj problemoj.

Danke al monsubteno kaj zorgo de s-ro Egawa mi vizitis Japanion kaj konis la belan, civilizacian kaj modernan landon. Ankaŭ mi dankas al nia kara lingvo Esperanto. Mi pli diligente laboros por nia lingvo kaj por interkompreno de la tuta mondo. Sun Mingxiao (Semio), delegito de UEA, Vic-prezidanto de Shandong-a Esperanto-Asocio de Ĉinio semio@tom.com, verdalimo@126..com ( la redaktoro faris necesan korekton al tiu ĉi teksto)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

Kiel sufiĉe kaj efike utiligi Kunvenon de Ĝemela Urbo? Kiel akceli la projekton? Post la 92-a UK s-ro Egawa Harukuni retsendis al mi artikolon. En ĝi kelkaj vidpunktoj kaj spertoj estas konsiderindaj, mi esperas, ke tiu ĉi artikolo povu veki grandan atenton kaj aktivan eĥon de esperantistoj, ke samtempe vi povu malkaŝe doni viajn proponojn aŭ opiniojn por evoluo de la

projekto.---la komisiito

**Kio estas Ĝemela Urbo por Esperanto-movado?**

Mi ĉeestis en la fakkunsido de "ĝemela urbo" en la 92-a UK. Estis valora tempo sed limigita por diskuti kaj interŝanĝi niajn spertojn. Tie ni bezonas ne banalajn raportojn sed efikan debaton por Esperanto-movado inter ĝemelaj urboj. Por tio estus necese diskuti taktike, selektinte demandojn kaj celante pli bonajn manierojn

Ĝenerale dirite, enlanda kaj internacia kontaktoj inter homoj estas agataj nature laŭ libera volo, kaj do tie ne troviĝas difino. Se mi aŭdace difinas "ĝemela urbo", tio estus "internacie ligitaj urboj por interŝanĝi kulturojn por amikeco, ktp.", kiu celas pli disvolvi internacian kompreniĝon per kontaktoj, pli aktivigi lokan ekonomion kaj konstrui pacan prosperon per ĝemela rilato en proksime videbla stato por civiluloj.

En Japanio la unua ĝemeliĝo naskiĝis en 1955 inter la urboj Nagasaki kaj St. Paul en Usono. De tiam ĝemelaj urboj multiĝis pli ol 1500. Tial lastatempe la asocio de ĝemelaj urboj en Japanio montras necesajn tri kondiĉojn por ĝemeliĝo.

1. **Ekzistu ĝemeligita kontrakto de ambaŭ urbestroj.**
2. **La interrilato ne devas esti fiksita nur por speciala kampo.**
3. **La aprobo de urba asembleo estas necesa en la premiso, ke urbo bezonas buĝeton por kontaki kun ĝemela urbo.**

Pensante pri tri kondiĉoj, la interfluo kun ĝemela urbo situas meze inter internacia kaj interpopola (transnacia) rilatoj. Sed reale en Japanio la afero estas gvidata ĉefe de aŭtoritatularo, ne tiel de memstara volo civitana. Kaj plue estas multaj ĝemelaj urboj, kiuj ĝemeliĝis sensignife kaj ne laŭ civilula volo. Tial eĉ aperas dubindaj fenomenoj, ke ĉiujare urbaj delegitoj kaj aŭtoritatuloj turisme vizitas siajn ĝemelajn urbojn elŝparante la buĝeton sub bela nomo "ĝemela amikeco". Kaj malfeliĉe iliaj raportoj preskaŭ ne estas publikigitaj al civiluloj.

**Do, kio estas ĝemela urbo por Esperanto-movado?**

Ni, esp-istoj penadas por konstrui pacan kulturon en la mondo kiel terglobanoj malgraŭ ekzisto aŭ neekzisto de ĝemelaj urboj. Sekve, se ni aŭdace diskutas la gravecon inter Esperanto kaj ĝemela urbo, ni devas meti ĝin sur unu el taktikoj de nia movado per du punktoj;

1. **Al malfermite videbla movado**

Ni aktivigu la kontaktadon inter ĝemelaj urboj sur interpopola (internacia) solidareco de esp-istoj kune kun civilula kunlaboro en aliaj grupoj.

2. **Al pli efika informado per amaskomunikiloj**

Enhavplena, laŭtema kaj longdaŭra interfluo aŭ evento kun ĝemela urbo povas esti atentata de civiluloj kaj interesa por publikinformaj organizoj. Iniciate krei tiun staton de nia flanko kune kun la kunlaboro de esp-istoj inter ĝemelaj urboj estas bezonate por propagandi nian aferon. Por tio ni kutimas kontakti kun aŭtoritatularo en urba oficejo kiel "Internacia Fako" en Japanio kaj prezenti nian agadon aktive al amaskomunikiloj.

Ni, esp-istoj kontaktas amike kaj reciproke komprenante kun amikoj (esp-istoj) en ĝemelaj urboj. Tiu kontaktado estas natura al esp-istoj kaj tute adekvata al la celo de ĝemela urbo. Sed bedaŭrinde tia natureco malgraŭ nia penado ne estas videbla al civiluloj, kiuj verŝajne vidas tiun kontakton fermita al ili. Pri tio ni devas esti atentaj kaj trovi bonajn rimedojn kaj ideojn kiel malsupre skribitaj du aferoj.

Nu, mi prezentu miajn spertojn rilate al tio.

**Prezenti ĝemelajn urbojn per interesaj temoj al civiluloj per ĵurnaloj**

Mia urbo Wakayama (Ŭakajama) ĝemeliĝis kun kvin urboj (en Usono, Meksikio, Ĉinio, Koreio kaj Francio). Sed multaj civiluloj ne konas, kun kiuj urboj nia urbo ĝemeliĝis kaj kiajn trajtojn ili havas, malgraŭ ofta surĵurnaliĝo pri la urboj. Kaj la interfluo mem inklinas al la urbo angle parolata. Do, mi proponis al loka ĵurnala eldonejo en mia urbo, ke ĝi traktu la artikolojn pri ĝemelaj urboj, kiujn ni, civilulaj volontuloj helpos kolekti artikolojn el ĝemelaj urboj laŭ interesaj temoj, kiujn ni kaj la redakcio elektu. Ĝi tre ĝojis, ĉar ĝi rekonis pri la celo de ĝemela urbo kaj pri sia devo informi ilin. Elektitaj temoj estis "Vizitindaj turismejoj en mia urbo", "Eduk-sistemo en mia urbo" kaj "La bildo de festeno por nova paro en mia urbo". Rilate al tiuj kvin urboj mi varbis la volontulojn en mia urbo por kolekti artikolojn el la ĝemelaj urboj kaj por traduki. Sed nur aperis la volontuloj lingve kapablaj rilati Usonon kaj Koreion. Do, pri Ĉinio kaj Francio mi havis la rolon per Esperanto. En tiel malfermita procedo fariĝis klare, ke kolekti artikolojn nur per angla lingvo estas malfacile, se eĉ talentulo de angla lingvo ne havas amikan solidarecon trans landlimoj kiel esp-istoj, kaj do aliaj volontuloj tre admiris glatan kunlaboron de esp-istoj trans nacioj kaj ankaŭ ĵurnalistoj komprenis tra tiu plenumenda tasko reale la praktikecon de Esperanto.

La artikoloj laŭ temoj kaj laŭ urboj aperadis dum duonjaro. Ĉe la fino de ĉiu artikolo aldoniĝis la nomo de la kontribuanto. Mi ĉiam aldonis tie ne nur la nomojn de esp-istoj sed la nomojn de iliaj aliĝintaj asocioj de Esperanto. Kelkaj legantoj sendis leteron al mi esprimante, ke niaj ĝemelaj urboj fariĝis intimaj al ili. Mi sendis la ĵurnalojn al miaj kontribuantoj, esp-istoj en ĝemelaj urboj, kiuj tre ĝojis kontribui sur internacia esp-ista solidareco.

**Sendi infanan koruson al la urbo Bonn en Germanio, kie estas la ĝemeligita Bonn Unesko Grupo kun mia Ŭakajama Unesko Societo**

Por pli fortigi amikecan rilaton Ŭakajama Unesko Societo decidis sendi infanan koruson el mia urbo al Bonn kaj alia urbo en Eŭropo, kiu ankoraŭ ne spertis prezenti siajn kantojn eksterlande. Tamen tiu interkonsiliĝo ne progresis glate pro lingva muro eĉ inter ĝemelaj rilatoj. Ĝi demandis al mi, ĉu esp-istoj ne povas helpi ĝin kaj plenumi la taskon kunlabore. Mi volonte promesis la plenumon kun la kondiĉo, ke la infanoj kantos ne nur en japana lingvo sed ankaŭ en Esperanto. Tio estis plenumita en sukceso kunlabore kun ambaŭ esp-istoj de mia urbo Ŭakajama kaj Bonn. Ambaŭ ĝemeligitaj unesko-societoj tre dankis kaj admiris pri esp-ista solidareco plenumi la taskon trans landlimoj. Ĵurnalistoj raportis la aferon, en kiu aperis multaj vortoj pri Esperanto. Esp-istoj en Bonn tre ĝojis fari neatenditan propagandon al siaj civiluloj, kaj rekonigi la utilecon al uneskanoj en Bonn.

Konklude mi volas resumi pri ĝemela urbo rilate al Esperanto-movado.

Se esp-istoj temas pri ĝemela urbo, mi volas pensi, ke ĝi ankaŭ estas unu el rimedoj por Esperanto-movado same kiel en aliaj kampoj. Por tio la rilato inter ĝemelaj urboj devas esti ne nur kun esp-istoj sed kun aliaj civiluloj en aliaj grupoj en malfermita agado. Tiele nia agado estas vaste videbla kaj facile komprenata al civiluloj. Por tio ni, esp-istoj ĉiam estu akra-sentaj pri sociala fluo, laŭ kiu ni iniciatu laborendan aferon per Esperanto kune kun civiluloj sur esp-ista solidareco trans landlimoj. Per tia praktika aktivado nia kapablo pri la movado kaj la lingvo estos hardata.---EGAWA Harukuni (la redaktoro faris etan korekton)

**Esperantistoj de la provinco Liaoning en Takatsuki**

Je la 10:00 de la 14-a de aŭgusto, 2007, sub enkonduko de s-ro Ukita Masaharu kaj s-ro Nakatu Masanori, prezidanto kaj vic-prezidanto de Esperanto-Societo en Takatsuki (EST), Japanio, delegacio de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio), vizitis la urbodomon de

Takatuki. S-ro Morimoto, s-ro Nakamura, s-ino Iwasa, gvidantoj el Takatsuki Internacia Asocio (TIA) varme akceptis ilin. Antaŭ oficiala interparolado prezidanto Ukita unue prezentis la ambaŭflankajn ĉeestintojn kaj celon de tiu ĉi vizito. S-ro Liu Zhengkun, prezidanto de LEA, prezentis la provincon kaj la lastajn laborojn de LEA, kaj en sia parolado emfazis kaj esperis, ke la ambaŭ Esperanto-organizaĵoj devis aktive vastigi kunlaboron kaj interŝanĝon pri kulturo, eduko, komerco, scienco kaj tekniko ktp inter la provinco kaj Oasaka-hu surbaze de amikeca kontakto kun Takatsuki. Poste s-ro Morimoto prezentis la urbon Takatuki kaj menciis la rolon de Esperanto inter Takatuki kaj la ĉina ĝemelurbo Changzhou. TIA kaj LEA donacis donacaĵojn unu al alia. S-ro Nakatu Masanori kaj s-ro Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA kaj komisiito de la projekto, respektive ludis rolon de Esperanto-interpretistoj por ambaŭ flankoj. F-ino Mu Chunlei, vic-ĝenerala sekretario de LEA, servis kiel protokolistino.

Por sukcesigi la viziton de la delegacio al Japanio EST faris detalan planon ekde tiu tago, en kiu ĝi oficiale decidis gastigi samindeanojn de LEA. S-ro Ukita kaj s-ro Tagahara Kiyoshi, estrarano de EST, persone iris al Kansai Internacia Flughaveno por renkontiĝi kun la samideanoj, kaj veturis kun ili al Jokohamo preninte Sinkansen-Rapidega Trajno. Pro aranĝo de EST la delegacio ĝuis kaj progreson kaj civilizon de Japanio kaj tiean antikvan kaj modernan kulturon vizitinte Osaka, Jokohamo, Tokio, Kioto kaj Taktsuki. Krome ili ĉeestis la bankedon kaj semajnan kunvenon de EST.

S-ro Takeuti Yosikazu forpasinta en 2005 estis konata en Esperantujo. Li estis fondinto de EST, la unua prezidanto de KAEM, honora membro de UEA kaj subteninto de la projekto, li kune kun sia edzino per Esperanto malfermis la interŝanĝan pordon de Changzhou kaj Takatuki antaŭ ol oficiale ĝemeliĝi inter si ambaŭ kaj testamentis 64,000 Eŭrojn al la Esperanto-movado. Dum Japanio la komisiito speciale vizitis kune kun s-ro Ukita, s-ro Nakatu, s-ro Takahara, s-ro Yukawa Masaki kaj Liu Zhengkun la bibliotekon de Nacia Muzeo de Etnologio en la urbo Suita, al kiu s-ro Takeuti kontribuis grandan kvanton da E-libroj. Ni tie trovis parton el tiuj libroj.

Ankaŭ indas mencii, ke en la 11-a de aŭgusto edzino (s-ino Mariko), filo (s-ro Shingo) kaj bo-filino (s-ino Kyoko) de s-ro Nakatu Masanori speciale preparis por la komisiiton japanstilan riĉan vesperan hejmbankedon. Tie la komisiito ne nur havis plezuran nokton, sed ankaŭ propraokule vidis feliĉan kaj harmonian japanan familion, kaj vere sentis densan amikecon de japanaj popoloj al eksterlanda vizitanto. Tio ĉi estas eksterordinara donacaĵo donita de s-ro Nakatu al la komisiito. La delegacio de LEA pasigis agrablajn kaj neforgeseblajn tagojn en Japanio. La hejmpaĝoj starigitaj de s-ro Nakatu Masanori http://www.geocities.jp/fdtsh088/gaibu2007.html kaj http://www.geocities.jp/fdtsh088/nakatu-18.html montras kaj priskribas tiun ĉi sukcesan viziton.

## PAROLAS LA REDAKTORO

Pro la riĉa enhavo de la 92-a UK rilata al agado ĝemelurboj mi ne povas ne preni du numerojn da Informilo Ĝemelaj Urboj kiel kongresajn numerojn. En la venonta numero vi legos informojn pri ĝemelajn urbojn de Roterdamo, kongresurbo de la 93-a UK, viziton de esperantistoj el la germana urbo Forchheim al la rumana ĝemelurbo Gherla, historieton pri la ĝemelurboj Tampere (Finnlando) kaj Tartu (Estonio) , kaj aliajn mesaĝojn ricevitajn. Via kontribuaĵo ĉiam estas bonvena.

****************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo

